# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj: **Eldono A (Propagando), Eldono B (Literaturo).** — **Abonprezo por jaro:** por Germanujo 2,— Sm, (por eksterlando 2,250 Sm). Unu eldono aparte: 1,— Sm (1,125 Sm). — Provabonoj por ka endara kvaronjaro 0,250 Sm (0,300 Sm) por unu eldono.



Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben **Ausgabe A (Propaganda), Ausgabe B (Literatur).** — **Bezugspreis für ein Jahr:** für Deutschland 4,— M., (für das Ausland 4,50 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2,— M. (2,25 M.). — Probeabonnements für ein Kalenderquartal 0,50 M. (0,60 M.) für jede Ausgabe.

**Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo. — **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

9a Jaro No. 2 B | Redakcio kaj Eldonejo: Berlin SW. 68, Lindenstr. 18/19 | Februaro 1912

**Enhavo:**
C. Wagner: Pri la poseda rajto (trad. J. Borel). — A. P. Ĉeĥov: Belulinoj (trad. B. Samsonov). — Komedieto. Ein kleines Lustspiel. — Korespondo. — La edelvejso. Das Edelweiss. — La plej malnova Tell-pafo. Der älteste Tellschuss. — El la vivo kaj scienoj. — Ŝercangulo. — Pedagogia fako. — Nekrologio. — Bibliografio. — Por lertuloj.

## Pri la poseda rajto*).

Ĉu la homo havas aŭ ne havas la rajton posedi ion? Jen ofte eldirita problemo. Oni ankaŭ povus diskuti pri la demando, ĉu ni havas aŭ ne havas la rajton ekzisti. La posedaĵo, kiel la vivo, estas fakto. La homo ne produktis ĝin. La forto mem de la cirkonstancoj, la leĝoj, kiuj regas la mondon, kondukas al ĝi.

La esenca posedaĵo, tiu de kiu ĉiuj aliaj estas konsekvencoj, estas nia vivo, nia personeco kun ĝiaj diversaj ecoj. Tamen la posedado de si mem, kiu ŝajnas esti la plej elementa natura rajto, restis longe nekonata. Ke homa estaĵo apartenu al si mem, disponu libere pri si mem, ne povu esti posedata de alia persono, kvazaŭ objekto, jen veraĵo, kiu eĉ nun nur parte triumfas, ĉar la reala sklaveco kaj la maskita sklaveco ĉiam ekzistas. La homo apartenas al si mem, kaj tuj kiam li uzas sian agemecon, kiam li faras klopodojn, li akiras rajtojn ekster sia personeco. Nu, se tiuj rajtoj ekzistas, li povas ilin uzi por si mem aŭ por aliaj, kaj tiel okazas, ke ĉiu homo laŭ pli aŭ malpli granda mezuro povas diri, ke certaj aferoj apartenas al li.

La reciproka respekto, kiun la homoj havas pri siaj posedaĵoj, estas unu el la bazoj de la socio. Tiun respekton oni nomas honesteco.

Ŝtelisto estas tiu, kiu ne respektas la posedaĵon de aliaj homoj, kiu konsideras la mondon kiel neesploritan kampon, kie nenio apartenas al iu, kaj kiu prenas al si ĉion, kion li povas preni.

La ŝtelado havas multajn formojn. La plej malnobla konsistas el kruda forpreno de mono aŭ havaĵo de aliulo por lin prirabi. Ekzistas subtilaj, delikatigitaj manieroj ŝteli, kiujn oni ne povas nombri, sed ĉiuj konsistas en tio, ke oni penas akiri la havon de aliaj, trouzante ilian konfidon, kredemon, pasion, malsaton, bonecon, religian senton ktp. La ŝtelisto en la mondo fariĝas vendisto de ĉiuspecaj aĵoj. Li havigas al si monon per iu procedo, kaj la rimedoj estas al li egale bonaj, kondiĉe, ke ili sukcesu. Por li nenio estas sankta. Se li opinias havi pli grandan profiton, vendante homojn anstataŭ karbo, rizo aŭ kafo, li fariĝas sklavovendisto. Se li vidas avantaĝon montriĝi bona patrioto, aŭ piegulo, li fariĝos patriota aŭ piega. Se li pli multe esperas de la malo, li malkonfesos sian religion aŭ perfidos sian patrujon.

*

Sed la respekto al la posedaĵo ne nur konsistas en tio, ke ni ne prenas tion, kio ne estas nia, ke ni ne gardas ĝin, kiam ni ĝin trovas, ke ni ne altiras ĝin al ni per malhonestaj aŭ dubaj procedoj. Ĝi ankaŭ konsistas en tio, ke ni respektas nian propran havaĵon. La plimulto de la homoj estas mankhava en tiu ĉi rilato. Ili kredas, ke la honesteco konsistas en respektado de la fremda posedaĵo, sed ke ili povas uzi laŭvole sian propran havon. Jen grava eraro. Por esti vere honesta, oni devas respekti sian havon, kiel tiun de la aliaj kaj neniam uzi ĝin laŭ siaj pasioj, sia kaprico, sia egoismo, sed laŭ sia racio kaj konscienco.

La propra posedaĵo estas la havo, pri kiu ni povas disponi sub nia respondeco.

Ne estas permesite al homo malbonuzi sian monon, same kiel ne estas permesite al li uzi armilon, kiu apartenas al li. „Ĝi estas mia, mi

*) El C. Wagner, Estu viro. Librejo Fischbacher, Paris.

povas fari el ĝi, kion mi volas.“ Ĉiutage vi aŭdas tian parolon de homoj, kiuj elspezas sian monon malprudente, kiuj malŝparas sian panon, lasas siajn domojn kaj bienojn difektiĝi pro malzorgado. Al tiuj homoj mankas la respekto, kiun ĉiu devas havi por la aferoj, pri kies gardado ili estas respondaj.

Oni nomas ekonomio la arton uzi prudente sian havaĵon. Ju pli grandaj estas la gardotaj posedaĵoj, des pli malfacila estas la arto. Ofte oni diras, ke la ekonomio estas virto de malriĉuloj. Malsaĝa parolo! Estas same kvazaŭ oni dirus, ke por gardi malgrandan brutaron oni bezonas pli penigan atenton ol por gardi grandan. Ju pli ni posedas, des pli komplika estas la posedado kaj grava nia respondeco. La fakto posedi ion, kreas por ni kvazaŭ socian funkcion, kiun ni devas plenumi, ne por nia propra intereso, sed por la ĝenerala bono, kaj por fariĝi kiel eble plej utilaj al la homaro. Ĉiam estas krime, lasi ion perdiĝi, kiam ĝi povas utili al iu. Tute egale, se oni posedas multon aŭ malmulton, ne estas permesite ĝin perdigi aŭ pereigi. Kiam oni havis grandan penon akiri iom da havo aŭ da mono, oni des pli ŝatas ĝin, nenio estas pli respektinda. La ŝparema laboristo, la kamparano, kiu tiom klopodas por kolekti iom da mono, respektas sin mem kaj sian estintan laboron en la havo, kiun li zorgeme gardas kaj ne volas elspezi malsaĝe. Nenio estas pli malĝoja ol vidi homon, kiu fuŝas la frukton de pena laboro.

Se vi konus du homojn, el kiuj unu klopodus ĉiun tagon de la semajno, kaj la alia forprenus sabaton la salajron de la unua por ĝin malŝpare konsumi manĝante kaj trinkante, kion vi dirus? Prava indigno vin kaptus, vi ege kompatus la mizeran sklavon, kies salajro estas detruita de malnobla parazito. Se vi povus, vi tuj ĉesigus tiun hontindan agon. Ho ve, tiu, kiu penadas la tutan tagon kaj tiu, kiu sensaĝe malŝparas dum unu horo, ofte estas la sama homo. Li ne kompatas pri si mem, pri la malfacile akirita havo, li respektas nek sin, nek sian laboron kaj fariĝas sia propra tirano. Jen unu el la plej teruraj sklavecoj de la mondo.

*

Kiel la sano kreas al ni devojn kontraŭ la malsanuloj, kiel la scio kreas al ni devojn kontraŭ la nesciantoj, kiel la forto kreas al ni devojn kontraŭ la malfortuloj, same nia havo kreas al ni devojn kontraŭ tiuj, kiuj nenion posedas.

Certaj homoj havas koleran ebriecon, aliaj havas ebriecon malgajan, aliaj gajan, afablan, malavaran. Simile oni povus diri, ke certaj homoj havas posedadon afablan, malavaran, grandaniman, dum aliaj havas malĝentilan, egoistan, humiligan. Kvazaŭ hundo, kiu mordetas sian oston, grunte bojas kontraŭ ĉiu proksimiĝanto kaj minace montras dentojn, same certaj homoj gardas sian havon kun ekskluzivemaj kaj malbonvolaj sentoj. Ili ĉiam timas, ke oni ĝin forprenos de ili, kaj tiu timo igas ilin malbonaj kaj senkompataj. Ili neniam donus ion al iu; ili nur volas ricevi. Ricevi estas la bono, doni estas la malbono. Tiu, kiu petas de ili helpon, estas malamiko kaj malŝatindulo.

Aliaj havas malsaĝan posedmanieron. Ili posedas sian havon, kiel simio posedus artaĵon aŭ valoraĵon. Ili konas nek ĝian prezon, nek ĝian utilecon kaj uzas ĝin sen ia sana prijuĝo.

Kaj tie ĉi mi devas diri vorton pri la egaleco de l' riĉaĵoj, kiun kelkaj konsideras kvazaŭ idealo. Tiu ĉi egaleco povus esti ebla, se ĝi nur konsistus el ekstera simileco de la riĉaĵoj, kiujn ni posedas, kaj el ilia respektiva kvalito. Sed tia ne estas la afero. Eĉ se la riĉaĵoj estus samspecaj, laŭ kiom da diversaj metodoj ili estus uzataj de la homoj? La riĉaĵo estas kvazaŭ muzika instrumento, la esenca kondiĉo estas scii ludi sur ĝi. Kaj eĉ kiam ĉiu homo posedus fluton, ĉu ĉiuj ludus sur ĝi sammaniere? La sama objekto, en malsimilaj manoj, havas absolute malsaman valoron. Tiel longe, kiel la homoj estos kvalite malsamaj, iliaj riĉaĵoj, eĉ se ili estus identaj, estos malegalaj. La ĉefa afero estas posedi frate.

*Tradukis J. Borel.*

# Belulinoj.

De A. P. Ĉeĥov.

Mi memoras, ke, estinte ankoraŭ gimnaziano de Va aŭ VIa klaso, mi veturis kun la avo el vilaĝo B. K. al Rostov s. D. Estis Aŭgusto varmega, lacige-enua tago. Pro la varmego kaj seka bruliga vento, kiu blovis kontraŭ nin polvonubojn, la okuloj kungluiĝis kaj la laringo sekiĝis; oni deziris nek rigardi, nek paroli, nek pensi, kaj kiam la dormetanta veturigisto, malgrandrusa „ĥoĥol“*), nomata Karpo, levante la manon por ekbati la ĉevalon, frapis min per la vipo sur la ĉapon, mi ne protestis, eligis nenian sonon kaj nur rekonsciiĝinte de duondormo malĝoje kaj senproteste ekrigardadis antaŭen: ĉu ne estas videbla vilaĝo tra la polvo? Ni haltis por doni la manĝon al la ĉevaloj en granda armena vilaĝo B. S. ĉe konata de l' avo riĉa armeno. Neniam en la vivo mi vidis ion pli karikaturan, ol tiun ĉi armenon. Imagu al vi malgrandan, tonditan kapeton kun densaj malalten pendantaj brovoj, kun birda nazo, kun longaj grizaj lipharoj kaj kun

*) Insultvorto, per kiu la grandrusoj nomas la malgrandrusojn. Ĝi signifas „hartufo“.

larĝa buŝo, el kiu elstariĝas longa meriza piptubo; tiu ĉi kapeto estas mallerte gluita al maldika ĝiba dorso, vestita per fantazia kostumo: en mallonga ruĝa jako kaj en larĝaj helbluaj sakpantalonoj; tiu ĉi figuro iradis dismetante la piedojn kaj glitbruante per la pantofloj, parolis ne eliginte la pipon el la buŝo kaj tenis sin kun vera armena indeco: ne ridetis, elstarigis la okulojn kaj penis atenti siajn gastojn kiel eble plej malmulte.

En la ĉambroj de la armeno estis nek vento, nek polvo, sed same malagrable, sufokvarmege kaj enuige kiel en la stepo kaj sur la vojo. Mi memoras, ke polvokovrita kaj malfortiĝinta de la varmegeco, mi sidis en angulo sur verda kofro. Nekoloritaj lignaj muroj, la meblo kaj akvokovrita planko odoris kiel seka ligno, bruligita de la suno. Kien ajn oni rigardas, ĉie muŝoj, muŝoj, muŝoj . . . La avo kaj la armeno duonvoĉe interparolis pri la avenfaruno kaj ŝafoj.

Mi sciis, ke la samovaron*) oni pretigos dum tuta horo, ke la avo trinkos teon ne pli malmulte ol unu horon kaj poste kuŝiĝos por dormi du, tri horojn, ke ni uzos kvaronon da tago por atendi, post kio ree estos la varmego, la polvo, la skuaj vojoj. Mi aŭdis la murmuretadon de la voĉoj kaj al mi komencis ŝajni, ke la armenon, la ŝrankon kun vazaro, la muŝojn, la fenestrojn, en kiuj lumas bruliga suno, mi vidas dum longa, longega tempo kaj ĉesos ilin vidi en tre malproksima estonteco, kaj min kaptis la malamo kontraŭ la stepo, la suno, la muŝoj . . .

La malgrandrusino en la kaptuko enportis la pleton kun tasaro, poste la samovaron. La armeno ne rapide eliris en la vestiblon kaj ekkriis: Manjo! Iru por verŝi teon! Kie vi estas! Manjo! Aŭdiĝis rapidemaj paŝoj kaj en la ĉambron eniris fraŭlino, proksimume 16-jara, en simpla katuna robo kaj blanka kaptuko. Dum ŝi lasis la tasaron kaj enverŝis teon, ŝi staris turnita al mi dorse kaj mi rimarkis nur, ke ŝi havis subtilan talion, estis nudpieda kaj ke malgrandetaj nudaj kalkanoj estis kovritaj per malalte mallevitaj pantalonoj. La majstro invitis min trinki teon. Kiam mi sidiĝis apud la tablo, mi ekrigardis en la vizaĝon de la junulino, donanta al mi glason kaj subite mi eksentis, kvazaŭ la vento trakuris mian animon kaj forblovis de ĝi ĉiujn impresojn de la tago kun enuo kaj polvo. Mi vidis ĉarmajn trajtojn de la plej belega el la vizaĝoj, kiujn iam mi renkontis reale kaj kiuj aperis en la sonĝoj. Antaŭ mi staris belulino kaj mi komprenis tion unuarigarde, kiel mi komprenas la fulmon. Mi estas preta ĵuri, ke Manjo estis vera belulino, sed pruvi tion mi ne povas. Iafoje okazas, ke la nuboj malorde amasiĝas en la horizonto kaj la suno, kaŝante sin post ili, kolorigas ilin kaj la ĉielon per ĉiuspecaj koloroj: per skarlata, oranĝa, ora, viola, malpurerozа; unu nubeto similas la monaĥon, la alia — la fiŝon, la tria — turkon en la turbano. La koloriĝo prenas trionon de la ĉielo, brilas sur preĝeja kruco kaj en la vitroj de sinjora domo, rebrilas en la rivero kaj la marĉetoj, tremas en la arboj; malproksime, tre malproksime, en la fundo de la ĉielruĝo flugas ien por la noktpasigo aro da sovaĝaj anasoj. La paŝtisto, pelanta la bovinojn kaj la termezuristo, veturanta en la kaleŝeto trans la digo kaj promenantaj gesinjoroj — ĉiuj rigardas la sunsubiron kaj ĉiuj senescepte opinias, ke ĝi estas treege bela, sed neniu scias kaj certigos, en kio kaŝiĝas la beleco. Mi ne sola opiniis, ke la armenineto estas bela. Mia avo, okdekjara maljunulo, homo severa, egalanima al la virinoj kaj al la belecoj de la naturo, dum tuta minuto rigardis kareseme Manjon kaj demandis: „Ĉu tiu ĉi estas via filino, Avet Nazariĉ?“ „La filino . . ., tiu ĉi estas la filino . . .“ respondis la majstro. „Bela fraŭlino estas“, laŭdis la avo.

La pentristo nomus la belecon de la armenino klasika. Estis nome tiu beleco, kies rigardado, Dio scias kial, donas la certecon, ke vi vidas trajtojn regulajn, ke la haroj, la okuloj, la nazo, la buŝo, la kolo, la brusto kaj ĉiuj movoj de juna korpo kuniĝis en unu plena harmonia akordo, en kiu la naturo neniun plej malgrandan trajton eraris; al vi ŝajnas ial, ke ideale bela virino devas posedi nome tian nazon, kian Manjo havas, rektan kaj kun malgranda ĝibeto, samajn grandajn, malhelajn okulojn, kiel ŝiaj nigraj, la buklaj haroj kaj la brovoj same konvenas al delikata, blanka koloro de la frunto kaj la vangoj, kiel la verda kano al trankvila rivero; la blanka kolo de Manjo kaj ŝia juna brusto estas malmulte disvolvitaj, sed ŝajnas al vi, ke por povi ilin skulpti, oni devas posedi grandegan krean talenton. Vi rigardas kaj iom post iom al vi venas la deziro diri al Manjo ion neordinare agrablan, sinceran, belan, same belan, kiel ŝi mem estas. Komence mi sentis ofendon kaj honton, ke Manjo neniel atentas min kaj rigardas ĉiam malsupren; ia speciala aero, ŝajnis al mi, feliĉa kaj fiera, apartigis ŝin de mi kaj ŝirmis ĵaluze kontraŭ miaj rigardoj. „Estas tial, mi pensis, ke mi estas tute polvokovrita, bruniĝinta kaj ke mi estas ankoraŭ knabo.“

Sed poste mi iom post iom forgesis pri mi mem kaj tute lasis min al la sentado de la beleco. Mi ne memoris jam pri stepa enuo, pri la polvo, ne aŭdis la muŝzumadon, ne sentis la teguston kaj sole pensis, ke post la tablo staras bela junulino. Mi sentis la belecon iel strange. Manjo ekscitis en mi nek dezirojn, nek ravon kaj ĝuon, sed profundan, kvankam agrablan malĝojon. La malĝojo estis necerta, malklara, kiel la sonĝo. Ial mi kompatis min mem, la avon, la armenon kaj la armeninon mem kaj mi sentis, kvazaŭ ni ĉiuj

*) Rusa tepretigilo.

kvar estus perdintaj ion gravan kaj bezonan en la vivo, kion ni neniam retrovos. La avo ankaŭ malgajiĝis, ne parolis pri la faruno kaj la ŝafoj, sed silentis kaj rigardadis enpenseme Manjon. Trinkinte teon, la avo kuŝiĝis por dormi, sed mi eliris el la domo kaj sidiĝis en la verando. La domo, kiel ĉiuj en la vilaĝo, troviĝis en loko, lumigata de la suno, ĉar estis apude nek arboj, nek ŝirmotegmentoj, nek ombrejoj. Granda armena korto plenkovrita de lolherboj, malgraŭ forta varmego estis viva kaj ĝojplena. Post unu el la malaltaj plektbariloj, tie kaj tie ĉi starantaj en la korto, okazis draŝado. Ĉirkaŭ la kolono, enterigita tute meze de la draŝloko, kuradis dekdu vice jungitaj ĉevaloj. Apude iradis la malgrandruso, vestita per longa veŝto kaj larĝaj sakpantalonoj, frapis per la vipo kaj kriis, kvazaŭ li dezirus inciti la ĉevalojn kaj glorigi sian potencon super ili: A—a—a— malbenituloj! A—a—a la malsano ne frapas vin! Ĉu vi timas?" La ĉevaloj, blankaj kaj diverskoloraj, ne komprenantaj, kial oni devigis ilin ĉirkaŭiradi sur unu loko kaj premi la tritikan pajlon, kuradis nevolonte kvazaŭ superforte, ofendeme svingante la vostojn. El sub iliaj hufoj la vento levadis plenajn nubojn da orkolora grenrestaĵo kaj forportadis ĝin post la barilon. Apud altaj, novefalĉitaj garboj klopodmoviĝis kamparaninoj kun la rastiloj kaj veturadis la veturiloj; post la garbaro en alia korto, kuradis ĉirkaŭ kolono alia dekduo da similaj ĉevaloj kaj simila kamparano frapadis per la vipo kaj mokridis la ĉevalojn. La ŝtupoj, sur kiuj mi sidis, estis varmegaj; en maldikaj balustradoj kaj sur la fenestrokadroj tie kaj tie ĉi aperis pro la varmego rezino ; sub la ŝtupoj kaj sub la fenestrofermiloj premiĝis unu al la alia ruĝaj insektetoj. La suno varmegigis mian kapon, mian bruston, la dorson, sed mi tion ne rimarkis kaj sole sentis, ke post mi en la vestiblo kaj ĉambroj frapis la tabulan plankon la nudaj piedoj. Foriginte la tetasaron, Manjo transkuris la ŝtuparon, ventuminte min kaj kvazaŭ birdo flugis al malgranda fumkovrita flanka konstruaĵo, kredeble kuirejo, de kie odoris rostita ŝafaĵo kaj estis aŭdata kolera armena parolado. Ŝi malaperis en malluma pordo kaj anstataŭ ŝi sur la sojlo vidiĝis maljuna, kurbiĝinta armenino kun ruĝa vizaĝo, vestita per verdaj sakpantalonoj. La maljunulino koleris kaj iun insultis. Baldaŭ sur la sojlo reaperis Manjo, ruĝiĝinta pro kuirejvarmego kaj kun granda sekala panpeco sur la ŝultro, bele kliniĝante sub la multpeza pano ŝi trakuris la korton al la draŝejo, transsaltis la barilon kaj profundiĝinte en la nubo de orkolora grenrestaĵo malaperis post la veturiloj. La kamparano, instiganta la ĉevalojn mallevis la vipon, silentiĝis kaj dum minuto senvorte rigardis flanken al la veturiloj kaj poste, kiam la armenineto ree trakuris apud la ĉevaloj kaj transsaltis la barilon, li sekvis ŝin per la okuloj kaj alkriis la ĉevalojn tiatone, kvazaŭ li estus tre ĉagrenita „A, pereu vi, diabloj!" Poste mi senĉese aŭdis la paŝojn de ŝiaj nudaj piedoj, vidis, kiel ŝi kuradis tra la korto kun serioza, zorgema vizaĝmieno. Jen ŝi kuris la ŝtupojn, ventumante min, jen la kuirejon, jen al la draŝejo, jen post la pordegon kaj mi apenaŭ povis turni la kapon por ŝin sekvi. Ju pli ofte ŝi aperis kaj malaperis antaŭ miaj okuloj kun sia beleco, des pli forta fariĝis mia sopiro. Mi kompatis min mem, ŝin kaj la kamparanon, malĝoje sekvantan ŝin per la rigardo ĉiufoje, kiam ŝi tra la nubo de la grenventumaĵo kuris al la veturiloj. Ĉu estis envio je ŝia beleco, ĉu mi bedaŭris, ke mi ne posedas tiun ĉi knabinon kaj neniam posedos, kaj ke mi estas fremda al ŝi, aŭ ĉu mi malklare sentis, ke ŝia malofta beleco estas okaza, senbezona kaj, kiel ĉio sur la tero, nelongedaŭra aŭ, eble, mia malĝojo estis tiu aparta sento, kiu vekiĝas en la homo dank' al medita rigardado de vera beleco, Dio scias tion!

Tri horoj da atendo pasis nerimarkeble. Al mi ŝajnis, ke mi ne havis la tempon por sufiĉe longe rigardi Manjon, kiam Karpo jam estis veturinta al la rivero, banigis la ĉevalon kaj komencis jam jungi ĝin. La malseka ĉevalo ronkis pro la plezuro kaj batis per la hufoj la timonstangojn. Karpo kriis al ĝi: „Pooosten!" La avo vekiĝis. Manjo malfermis por ni la knarantan pordegon, ni sidiĝis en la veturilon kaj veturis el la korto. Ni veturis silente kvazaŭ kolerus unu la alian. Kiam post du aŭ tri horoj malproksime vidiĝis Rostov kaj Nahiĉevanj, Karpo, ĉiam silenta, rapide returniĝis kaj diris: „La armenaĉo ja havas bonegan filinon!" Kaj li ekvipis la ĉevalon.

## II.

Alifoje, kiam mi estis jam studento, mi veturis fervoje suden. Estis Majo. En unu stacio, ŝajnas inter B. kaj H., mi eliris el la vagono por promeni sur la perono. La vesperombro jam kuŝiĝis sur la stacidomon, la peronon kaj la kampon; la stacidomo ŝirmis la sunsubiron, sed laŭ plej altaj fumbuloj, elirantaj el la lokomotivo kaj kolorigitaj per helroza koloro, oni povis vidi, ke la suno ankoraŭ ne tute kuŝiĝis. Irante sur la perono mi rimarkis, ke la plimulto da promenantaj pasaĝeroj iris kaj staris apud sola duaklasa vagono, kaj kun tia vido, kvazaŭ en la vagono sidus ia fama homo. Inter la scivoluloj, kiujn mi renkontis apud la vagono, troviĝis interalie mia kunvojaĝanto, artileria oficiro, saĝa homo, bonanima kaj simpatia, kiel ĉiuj, kun kiuj oni konatiĝas dumvoje okaze kaj ne por longa tempo. „Kion vi ĉi tie rigardas?" mi demandis. Li nenion respondis, sed nur montris al mi per la okuloj virinfiguron. Tiu estis an-

koraŭ juna fraŭlino, ĉirkaŭe 17—18 jara, vestita per „rusa“ *) kostumo, kun nuda kapo kaj mantilo, malzorge surĵetita sur unu ŝultron, ne pasaĝerino, sed kredeble filino aŭ fratino de staciestro. Ŝi staris apud vagonfenestro kaj interparolis kun ia maljuna pasaĝerino. Antaŭ ol mi povis klare prezenti al mi, kion mi vidas, min subite ekregis la sento, kiun mi spertis iam en la armena vilaĝo. La junulino estis mirinde bela kaj tion pridubis nek mi, nek tiuj, kiuj kun mi ŝin rigardis. Se, kiel estas kutime, oni devus priskribi ŝian eksteraĵon laŭ la partoj vere belegaj, estis nur la blonda, ondforma, densa haro, dismetita kaj kunligita sur la kapo per nigra rubandeto, ĉio alia estis ja aŭ malregula aŭ tre ordinara. Pro aparta maniero de koketado aŭ pro miopeco ŝiaj okuloj estis duonfermitaj, la nazo estis suprenlevita nedecide, la buŝo estis malgranda, la profilo estis malklare kaj malenergie ĉirkaŭliniita, la ŝultroj estis mallarĝaj ne konformaj al la aĝo, sed malgraŭ tio la fraŭlino aspektis kiel vera belulino kaj, rigardante ŝin, mi povis konvinkiĝi, ke la rusa vizaĝo ne bezonas precize regulajn trajtojn, por ke ĝi ŝajnu belega, kontraŭe, se suprenrigardanta nazo de la knabino estus anstataŭigita per la alia, regula kaj plastike senerara, kian posedis la armenino, ŝajnas, ke ŝia vizaĝo pro tio perdus tutan sian ĉarmon.

Dum ŝi staris apud la fenestro kaj interparolis kunpremiĝante pro la vespermalsekeco, ŝi senĉese postrigardis nin, jen ŝi metis la manojn al la talio, jen ŝi ilin levis al la kapo por reguligi la harojn, parolis, ridis, prezentis en sia vizaĝo jen la miron, jen la teruron kaj mi ne memoras la momenton, kiam ŝia korpo kaj la vizaĝo restis trankvilaj. La tuta sekreto kaj la sorĉo de ŝia beleco estis enfermita nome en tiuj ĉi malgrandaj, senfine graciaj movoj, en la rideto, la vizaĝludo, en la rapidaj rigardoj, en la kombinaĵo de subtila gracio de la movoj kun la juneco, la freŝeco, la animnaiveco, kiu estis sentata en la rido kaj la voĉo kaj kun tia malforteco, kiun ni tiel amas vidi ĉe la infanoj, ĉe la birdoj, ĉe la cervidoj, ĉe junaj arboj. Estis beleco papilisimila, al kiu konformiĝas la valso, la flirtado en la ĝardeno, la rido, la gajeco kaj kiu ne estas imagebla kune kun serioza penso, malĝojo kaj trankvilo: ŝajnas, ke oni bezonas nur, ke komenciĝu forta vento aŭ pluvo por ke la facilrompebla korpo subite velkiĝu kaj la kaprica beleco forŝutiĝu, kiel la florpolvo. „Tiel do,“ murmuretis ĝemante la oficiro, kiam ni post dua sonorilbato direktiĝis al nia vagono.

*) Robo de rusa kamparanino.

Kion signifis tiu ĉi „tiel do“ mi ne kuraĝas prijuĝi. Eble li malĝojis kaj ne volis foriri de la belulino kaj al la vagono de printempa vespero sufokvarma, aŭ, kiel ankaŭ mi, li kompatis senkonscie la belulinon, sin mem, min kaj ĉiujn pasaĝerojn, kiuj malrapide kaj nevolonte iretis al la vagonoj. Trairante apud la stacidomfenestro, post kiu apud sia aparato sidis pala, flavhara telegrafisto kun altaj bukloj kaj senkoloriĝinta vizaĝo kun grandaj vangostoj, la oficiro ekĝemis kaj diris: „Mi vetas, ke tiu ĉi telegrafisto estas enamiĝinta tiun beletulinon. Se oni vivas en la kampoj sub sama tegmento kun tiu aera kreitaĵo kaj oni ne enamiĝas, tio estas super fortoj de homo. Sed kia malfeliĉo estas, mia amiko, kia moko esti duonĝiba, vila, triviala, deca kaj sufiĉe saĝa kaj enamiĝi tiun beletan kaj malsaĝetan knabinon, kiu tute neniel atentas vin! Aŭ ekzistas io ankoraŭ pli malbona: prezentu al vi, ke la telegrafisto estus enamiĝinta kaj samtempe edziĝinta, kaj ke li havas saman ĝiban, vilan kaj decan edzinon, kiel li mem . . . Turmento estas!“ Apud nia vagono, apogiĝinte al la barilo de la vagonperono, staris la konduktoro kaj rigardis al tiu direkto, kie staris la belulino kaj lia konsumiĝinta, velkinta, malagrable sata vizaĝo, lacigita de sendormaj noktoj kaj de la vagonbalancado, esprimis kortuŝecon kaj plej profundan malĝojon, kvazaŭ li vidis en la fraŭlino sian junecon, feliĉon, sian sobrecon, purecon, la edzinon, la infanojn, kvazaŭ li pentis kaj sentis per tuta sia ekzistaĵo, ke tiu ĉi fraŭlino ne apartenas al li, ke la ordinara homa, pasaĝera feliĉo al li kun lia antaŭtempa maljuneco, la malagrableco kaj la grasa vizaĝo estas same malproksima, kiel la ĉielo.

Sonoris tria sonorilbato, ekaŭdiĝis la fajfoj kaj la vagonaro malrapide ekmoviĝis. En niaj fenestroj traflugis komence la konduktoro, la staciestro, poste la ĝardeno, la belulino kun ĉarma, infane-ruza rideto . . .

Mi elŝoviĝis eksteren kaj rigardante posten mi vidis, kiel ŝi, sekvante la vagonaron per la okuloj, iris sur la perono, preter la fenestro, kie sidis la telegrafisto, ordigis la harojn kaj kuris en la ĝardenon. La stacidomo jam ne kaŝis la okcidenton, la kampo estis malfermita, sed la suno jam subiris kaj la fumo sterniĝis en nigraj buloj sur la verda, velursimila semejo. Malĝoje estis en la printempa aero, kaj en la mallumiĝanta ĉielo, kaj en la vagono. La konata konduktoro eniris la vagonon kaj komencis ekbruligi la kandelojn.

*Tradukis el la rusa B. Samsonov.*

## Komedieto.

(Daŭrigo.)

### II. La trosalita supo.

Herta, Arnold, Seeberg *(sidas ĉe la tablo).*

*Herta (surtelerigas la supon).* Nu, ne lasu malvarmiĝi la supon. Ĉu ĝi ne estas bongusta?

*Seeberg.* Hm — ĝi estas ankoraŭ iom varmega.

*Herta.* Tion mi ne trovas. Arnold, kial vi ne manĝas?

*Arnold.* Diru, ĉu la supo ne estas trosalita?

*Herta.* Ĉu trosalita? Kion vi celas per tio?

*Arnold.* Mi uzis tro fortan esprimon, mi volis diri: iom tre salita.

*Herta.* Tion mi ne trovas. Mi opinias, ke la supo ne enhavas tro multe kaj ne tro malmulte da salo. Mi trovas ĝin bongustega. (*Manĝas, tusas.*)

*Arnold.* Kion vi havas? Vi ja tusas.

*Herta.* Nenion — hm, hm — tio ja kelkafoje okazas. (*Manĝas.*)

*Arnold.* Karulino, larmoj venas en viajn okulojn.

*Herta.* Kion vi diras! *(Tusas.)* Ŝajnas al mi — hm, hm — ke mi — hm, hm — ion malĝuste englutis. *(Tusas.)* Pardonu unu momenton. *(Tusas forte, eliras.)*

*Arnold.* Espereble nenia domaĝo okazas al ŝi.

*Seeberg.* Lasu nur, estas la salo. Mi kredas, ke ŝi prenis por unu lodo da viando kvar funtojn da salo.

*Arnold.* La supo efektive ne estas manĝebla.

*Seeberg.* Tial lasu min foriri, estas ankoraŭ tempo, por aliloke ricevi ion manĝeblan.

*Arnold.* Nun vi devas resti.

*Seeberg.* Sed se mi devas manĝi la supon, mi ricevos soifon, kiu neniam estos kvietigebla. Mi nur bedaŭras vian kompatindan edzinon.

*Arnold.* Kial?

*Seeberg.* Kun vera heroeco ŝi manĝis sian supon.

*Arnold.* Nur por ne konfesi, ke ĝi estas trosalita.

*Seeberg.* Ankaŭ tio estas heroismo.

### III. La malmola rostaĵo.

Herta, Arnold kaj Seeberg *(ĉe la tablo).*

*Herta.* Ho Arnold!

*Arnold.* Kion vi celas, mia trezoro?

*Herta.* Vi ja tute ne scias distranĉi la rostaĵon.

*Arnold.* Ŝajnas al mi —

*Herta.* Kio?

*Arnold.* Kvazaŭ la rostaĵo estus iom malmola.

*Herta.* Neeble! Vi estas — pardonu al mi la rimarkon — iom mallerta. Mi volas fari la aferon anstataŭ vi.

*Arnold (alŝovas al ŝi la pladon).* Se vi

## Ein kleines Lustspiel.

(Fortsetzung.)

### II. Die versalzene Suppe.

Herta, Arnold, Seeberg *(sitzen bei Tisch).*

*Herta (gibt die Suppe auf).* Nun, lassen Sie die Suppe nicht kalt werden. Schmeckt sie nicht?

*Seeberg.* Hm — sie ist noch etwas heiss.

*Herta.* Das finde ich nicht. Arnold, warum isst du nicht?

*Arnold.* Sage, ist die Suppe nicht versalzen?

*Herta.* Versalzen? Was willst du damit sagen?

*Arnold.* Ich drückte mich zu stark aus, ich wollte sagen: etwas sehr gesalzen.

*Herta.* Das finde ich nicht. Ich meine, es sei nicht zuviel und nicht zuwenig Salz in der Suppe. Mir schmeckt sie vortrefflich. *(Isst, hustet.)*

*Arnold.* Was hast du? Du hustest ja.

*Herta.* Nichts — hm, hm — das kommt wohl manchmal vor. *(Isst.)*

*Arnold.* Liebes Herz, die Tränen kommen dir in die Augen.

*Herta.* Was du sagst! *(Hustet.)* Ich glaube — hm, hm — es ist mir etwas — hm, hm — in die unrechte Kehle gekommen. *(Hustet.)* Entschuldigen Sie einen Augenblick. *(Hustet stark, ab.)*

*Arnold.* Wenn sie sich nur keinen Schaden tut.

*Seeberg.* Lass nur, es ist das Salz. Ich glaube, sie hat auf ein Lot Fleisch vier Pfund Salz genommen.

*Arnold.* Die Suppe ist wirklich nicht zu essen.

*Seeberg.* Darum lass mich fort, noch ist es Zeit, um anderwärts etwas Essbares zu bekommen.

*Arnold.* Jetzt musst du bleiben.

*Seeberg.* Aber wenn ich die Suppe essen muss, bekomme ich einen Durst, der niemals wieder zu stillen ist. Mir tut nur deine arme Frau leid.

*Arnold.* Weshalb?

*Seeberg.* Mit wahrer Todesverachtung hat sie ihre Suppe gegessen.

*Arnold.* Um nur nicht einzugestehen, dass sie versalzen ist.

*Seeberg.* Auch das ist Heldenmut.

### III. Der harte Braten.

Herta, Arnold und Seeberg *(bei Tisch).*

*Herta.* Aber Arnold!

*Arnold.* Was meinst du, mein Schatz?

*Herta.* Du kommst ja gar nicht mit dem Schneiden zurecht.

*Arnold.* Es scheint mir —

*Herta.* Was?

*Arnold.* Als wenn der Braten etwas hart wäre.

*Herta.* Unmöglich? Du bist — nimm mir die Bemerkung nicht übel — etwas ungeschickt. Ich will dir dein Geschäft abnehmen.

*Arnold (schiebt ihr die Schüssel hin).* Wenn du

volas havi la afablecon, mi ne deziras malbonigi vian farajôn.

*Herta (tranĉas pene).* La tranĉiloj estas efektive tre malakraj. Ankoraŭ hodiaŭ mi volas doni ilin por akrigo.

*Arnold.* La ŝvito jam aperas sur via frunto. Ne tiom penadu, mi volas ĝin denove provi.

*Herta.* Ho, mi jam estas fininta. Ŝajnas al mi, se oni rajtas konkludi laŭ la odoro, ke la rostaĵo fariĝis bona. Ĉu vi iom deziras de ĝi? Prenu ĉi tiun pecon, ĝi estas precipe mola kaj sukplena. Kara Arnold, ĉu vi ne volas servi vin? Sinjoro Seeberg, jen estas saŭco — salato.

*Seeberg.* Dankon, dankon.

*Seeberg* | *Arnold* | (*gustumas, rigardas sin reciproke kaj suprentiras la ŝultrojn*).

*Herta.* Nu, kia vi trovas la rostaĵon?

*Arnold.* Malkaŝe dirite —

*Herta.* Kiel? Ĉu ankaŭ la rostaĵon vi volas mallaŭdi?

*Arnold.* Ne, ne, ĝia gusto estas bonega, nur ŝajnas al mi, ke ĝi ne estas tute mola.

*Herta.* Dio mia, tio ne estas mia kulpo. Tio koncernas la buĉiston, kiu ne sendis al mi la ĝustan pecon.

*Seeberg.* Vi estas prava, la buĉisto estas kulpa. Tiuj ĉi homoj ofte pro pura maliceco ne sendas la ĝustan viandon, nur por meti la mastrinojn en embarason.

*Herta.* Cetere, mi ne trovas la viandon tre malmola, ĝi estas tute bone manĝebla. Sed mi volas sciigi al vi, sinjoroj, konsolon, vi ankoraŭ ricevos delikatan rizpudingon. Sed mi tuj devas vidi, mi kredas, ke estas ĝusta tempo, por forpreni ĝin de sur la fajro. Intertempe manĝu vian rostaĵon, jen estas ankoraŭ detranĉitaj pecoj. (*Foriras.*)

*Seeberg.* Kara amiko, mi havas tridek du sanajn dentojn, sed por mordegi ĉi tiun rostaĵon, oni devus havi pistmuelilon.

*Arnold.* Ho jes!

*Seeberg.* Kaj la salato —

*Arnold.* Estas trosalita.

*Seeberg.* Kaj la saŭco —

*Arnold.* Estas trosalita.

(*Finota.*)
*El „Benedix Haustheater“.*

so gut sein willst, ich möchte dir dein Werk nicht verderben.

*Herta (schneidet mühsam).* Die Messer sind wirklich sehr stumpf. Ich will sie heute noch zum Schleifen schicken.

*Arnold.* Der Schweiss steht dir schon auf der Stirne, plage dich nicht so, ich will es lieber noch einmal versuchen.

*Herta.* O, ich bin schon fertig. Der Braten scheint mir gelungen, wenn man nach dem Dufte schliessen darf. Ist Ihnen gefällig? Nehmen Sie dieses Stückchen, das ist besonders weich und saftig. Lieber Arnold, willst du dich nicht bedienen? Herr Seeberg, hier ist Brühe — Salat.

*Seeberg.* Danke, danke.

*Seeberg* | *Arnold* | (*kosten, sehen sich an und zucken die Achseln*).

*Herta.* Nun, wie findest du den Braten?

*Arnold.* Offen gestanden —

*Herta.* Wie? Hast du auch den Braten zu tadeln?

*Arnold.* Nein, nein, der Geschmack ist vortrefflich, nur scheint er mir nicht ganz weich zu sein.

*Herta.* Mein Gott, das ist nicht meine Schuld. Das liegt am Fleischer, der mir nicht das richtige Stück geschickt hat.

*Seeberg.* Sie haben recht, es liegt am Fleischer. Diese Menschen senden oft aus Bosheit nicht das richtige Fleisch, bloss um die Hausfrauen in Verlegenheit zu setzen.

*Herta.* Uebrigens so sehr hart finde ich das Fleisch nicht, es lässt sich ganz gut essen. Ich will euch aber, ihr Herren, noch einen Trost verkünden, ihr sollt noch einen leckern Reispudding haben. Ich muss aber gleich nachsehen, ich glaube, es ist Zeit, um ihn vom Feuer zu nehmen. Esst unterdessen euern Braten, hier ist noch aufgeschnitten. (*Ab.*)

*Seeberg.* Lieber Freund, ich habe zweiunddreissig gesunde Zähne; aber um diesen Braten zu zermalmen, müsste man eine Stampfmühle haben.

*Arnold.* Ach ja!

*Seeberg.* Und der Salat —

*Arnold.* Ist versalzen.

*Seeberg.* Und die Brühe —

*Arnold.* Ist versalzen.

(*Schluss folgt.*)
*Aus „Benedix Haustheater“*

## Korespondo.*)

### Invito al fianĉiĝa festo.

. . . . ., la 2an de Junio 1911.

Tre estimata Sinjoro L.!

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke nia plej maljuna filino Berta fianĉiniĝis kun la praktika

### Einladung zu einer Verlobung.

. . . . ., den 2. Juni 1911.

Sehr geehrter Herr L.!

Wir geben uns die Ehre, Ihnen mitzuteilen, dass sich unsere älteste Tochter Berta mit dem praktischen

*) Aus: M. Uebelacker, Deutscher Privat-Briefsteller, Friedrich Euler Verlag, Berlin W.

kuracisto, sinjoro Dro Herming, kaj ke ni dimanĉon, la 25an de l' nuna monato, solene festos la ĝojigan okazintaĵon en la rondo de nia familio.

Ni ĉiuj treege ĝojus, kaj la soleno ankaŭ estus plibeligota, se vi kaj sinjorino via ŝatata edzino farus al ni la honoron, partopreni la familian feston. De jaroj niaj familioj reciproke interrilatas en plej sincera kaj plej kora maniero, kaj laŭ tio mi ja povas esperi, ke vi ne rifuzos nian peton.

Kun amika saluto kaj altestimo
viaj sindonaj
M. K. kaj edzino.

Arzte, Herrn Dr. Herming verlobt hat, und dass wir das fröhliche Ereignis am nächsten Sonntag, den 25. d. M., im Kreise unserer Familie festlich begehen wollen.

Wir würden uns alle überaus freuen, und die Feier würde noch verschönert, wenn Sie nebst verehrter Frau Gemahlin uns die Ehre schenken wollten, an dem Familienfeste teilzunehmen. Seit Jahren verkehren unsere Familien gegenseitig in aufrichtigster und herzlichster Weise, und ich darf demnach wohl hoffen, dass Sie unsere Bitte nicht abschlagen werden.

Mit freundschaftlicher Begrüssung und Hochachtung
Ihre ergebenen
M. K. nebst Frau.

## La edelvejso.*)

Fabelo.

Beleta, brila steleto jam de longe rigardis kun sopiro al la tero. Treege volonte ĝi estus veturinta malsupren, por plezure ĉirkaŭrigardi sur la tero. Fine ĝi iris al la luno kaj parolis: „Bona luno, ĉu vi ne povas gvidi min sur la teron? Treege volonte mi estus tie unu fojon. Kiel gaje devas esti tie en la formika svarmado de la homoj kaj bestoj!“ Sed la luno respondis: „Volonte mi mem estus tie unu fojon, sed kiu tiam lumigos la nokton? Turnu vin al la suno; ĝi ĉiutage sendas radiojn al la tero, eble ili povas vin kunporti! Tiun konsilon sekvis la steleto kaj sentis altan ĝojon, kiam la suno permesis, ke la steleto veturu sur sunradio al la tero. „Sed,“ diris la suno, „nun estas Julio, nun miaj radioj iras tro krute, kaj vi tre facile povas suferi domaĝon dum la veturo; atendu ĝis la vintro, tiam la vojaĝo estos pli oportuna kaj pli sendanĝera.“ Kiel dirite, tiel farite! Kiam fariĝis vintro, unu vesperon la steleto vidis la teron lumantan en aparta lumbrilo; ĉar estis Sankta Vespero. Tuj ĝi kuris al la suno kaj petis permeson por veturi la sekvantan tagon al la tero. La suno konsentis. Ha, kiel rapida estis la veturo sur la sunradio! Antaŭ ol la steleto povis pripensi, ĝi estis alveninta sur la tero; antaŭ ol ĝi ĝuste sciis, kio okazis al ĝi, ĝi trovis sin sur alta monto. Pro rapideco ĝi bedaŭrinde uzis malĝustan sunradion; ĉar ĝi ja volis veturi en grandan urbon. Tie ĉi supre sur la monto tute nenie estis videbla homo, kaj la vento blovegis tiel akre trans la neĝebenaĵo, ke la steleto fariĝis terure malvarma. En sia sufero ĝi petis alian sunradion: „Ho, veturigu min mal-

*) El A. Meerkatz: „Blumensträusse“. Niaj plantoj en poemoj, fabeloj kaj legendoj. — Dürrsche Buchhandlung Leipzig. 0,900 Sm., bind. 1,300 Sm.

## Das Edelweiss.*)

Ein Märchen.

Ein prächtiges, blankes Sternchen schaute schon lange voll Sehnsucht nach der Erde aus. Es wäre gar zu gern einmal herabgefahren, um sich auf der Erde vergnüglich umzuschauen. Da ging es endlich zu dem Mond und sprach: „Guter Mond, kannst du mich nicht auf die Erde führen? Ich wäre gar zu gern einmal dort. Wie lustig muss es da zugehen in dem ameisenartigen Gewimmel der Menschen und Tiere!“ Der Mond aber antwortete: „Gern wäre ich selbst einmal dort, wer aber soll dann die Nacht erleuchten? Wende dich an die Sonne; die sendet alle Tage Strahlen zur Erde, vielleicht können sie dich mitnehmen!“ Den Rat befolgte das Sternchen und war hocherfreut, als die Sonne es gestattete, dass das Sternchen auf einem Sonnenstrahl zur Erde fahren durfte. „Aber,“ sagte die Sonne, „jetzt ist es Juli, da gehen meine Sonnenstrahlen zu steil, da kannst du leicht auf der Fahrt Schaden leiden; warte bis zum Winter, dann geht die Reise bequemer und sicherer.“ Wie gesagt, so getan! Als es Winter geworden war, sah das Sternchen an einem Abende die Erde in besonderem Lichtglanz leuchten; denn es war Christabend. Flugs lief es zur Sonne und bat, am nächsten Tage zur Erde fahren zu dürfen. Die Sonne sagte zu. Hui, wie ging die Fahrt auf dem Sonnenstrahl geschwind! Ehe sich das Sternchen versah, war es auf der Erde angelangt; ehe es recht wusste, wie ihm geschah, befand es sich auf hohem Berge. In der Eile hatte es leider einen falschen Sonnenstrahl benutzt; denn eigentlich wollte es in eine grosse Stadt fahren. Hier oben aber auf dem Berge war weit und breit kein Mensch zu erblicken, und der Wind fegte so schneidend über die Schneeebene, dass dem Sternchen entsetzlich kalt wurde. In seiner Not bat es einen anderen Sonnenstrahl: „Ach, fahre mich doch hinab, dorthin, wo Menschen wohnen und wo es wärmer ist!“ Der Sonnenstrahl aber antwortete: „Jeder von uns hat von der Sonne seinen bestimmten

*) Aus A. Meerkatz: „Blumensträusse“. Unsere Pflanzen in Gedichten, Sagen und Legenden. Dürrsche Buchhandlung, Leipzig. 1,80 M., geb. 2,60 M.

supren, tien, kie homoj loĝas kaj kie estas pli varme!“ Sed la sunradio respondis: „Ĉiu el ni ricevis de la suno sian certan ordonon kaj ne devas veturi aliloken.“ Tiam ĝi petis trian sunradion: „Reportu min al la suno, tie ĉi estas terure malvarme!“ „Tio ne estas ebla,“ estis la respondo de tiu ĉi radio, „ni ne reiras al la suno, sed devas resti sur la tero.“ Tiam la steleto ekploregis, kaj kiam komenciĝis la nokto kaj la malvarmo fariĝis nesuferebla por la steleto, tiam ĝi devis mizere frostiĝi sur la alta monto. Tie ĝi nun kuŝis, atentita de neniu, kaj estis kovrita de la falinta neĝo. Sed kiam en la proksima printempo la vintro cedis kaj retiris sian neĝkovrilon de la montoj, la florreĝino iris tra la regiono, ŝi trovis la mortintan steleton kaj sentis profundan kompaton pri ĝi; pro tio ŝi aliformigis ĝin en belegan floreton, kies korolo ankoraŭ hodiaŭ rigardas la montmigrantojn kiel frostiĝinta steleto: estas la „edelvejso“.

Befehl bekommen und darf nicht anderswo hinfahren.“ Da bat es einen dritten Sonnenstrahl: „Nimm mich wieder mit zur Sonne, hier ist es so entsetzlich kalt!“ „Das geht nicht,“ war die Antwort dieses Strahles, „wir gehen nicht wieder zur Sonne zurück, sondern müssen auf der Erde bleiben.“ Da fing das Sternchen bitterlich an zu weinen, und als die Nacht hereinbrach und die Kälte für das Sternchen unerträglich wurde, da musste es elendiglich auf dem hohen Berge erfrieren. Da lag es nun, von niemand beachtet, und wurde von dem fallenden Schnee bedeckt. Als aber im nächsten Frühjahr der Winter nachliess und seine Schneedecke von den Bergen wieder hinwegzog, ging die Blumenkönigin durch die Gegend, sie fand das tote Sternchen und hatte tiefes Mitleid mit ihm; deshalb verwandelte sie es in ein herrliches Blümchen, dessen Blüte noch heute wie ein erfrorenes Sternchen die Bergwanderer anschaut: es ist das „Edelweiss“.

## La plej malnova Tell-pafo.

La malnova legendo pri Wieland, la forĝisto, enhavas epizodon, kiu verŝajne servis al Schiller kiel modelo ĉe la verkado de lia sceno de la pafo al pomo en „Wilhelm Tell“.

La kruela reĝo Nidung estis distranĉinta al Wieland la piedotendenojn, tiel ke li, la fortika viro, sur lambastonoj sin trenis kiel maljunulo. Pro venĝo li mortigis la filojn de Nidung. — La legendo plue rakontas:

Je tiu ĉi tempo venis Egil, la frato de Wieland, al la kortego de Nidung. Li estis la plej bona arkpafisto, kiun oni povis trovi. Komence la reĝo lin bone akceptis; sed kiam li eksciis, ke Egil havas ĉe si tre belan kaj sanan filon, li enviis la feliĉan patron, kaptigis la knabon kaj metigis pomon sur lian kapon kaj parolis al Egil: „Nun pafu! La pomo estu via celo; sed ne estas malpermesite al vi trafi vian infanon.“ Kiam Egil petegis liberigi lin de tio, la reĝo diris, ke li estu mortigota kune kun la knabo. Tiam Egil prenis du sagojn el sia sagujo, unu li metis apud si, sed la alian li metis sur la kordon de l' arko kaj trapafis la pomon en la mezo, tiel ke sago kaj pomo samtempe falis teren. Kaj tiu ĉi majstra pafo famiĝis en la tuta mondo. Nun Nidung demandis la pafiston, kial li prenis du sagojn el la sagujo, kvankam li nur devis pafi per unu. Tiam Egil respondis: „Sinjoro, se mi per la unua sago estus trafinta mian knabon, la dua estus destinita por vi.“ Tiujn ĉi malkaŝajn vortojn la reĝo bone akceptis.

*El „Die Lese“.*

## Der älteste Tell-Schuss.

Die alte Sage von Wieland dem Schmied enthält eine Episode, die Schiller bei Abfassung seiner Apfelschussszene im „Wilhelm Tell“ als Vorbild gedient haben dürfte.

Wieland sind vom grausamen König Nidung die Fussfesseln durchschnitten worden, so dass er, der rüstige Mann, an Krücken sich schleppte wie ein Greis. Aus Rache hat er Nidungs Söhne ermordet. — Die Sage kündet nun weiter:

Um diese Zeit kam Egil, Wielands Bruder, an Nidungs Hof. Er war der trefflichste Bogenschütz, den man finden konnte. Der König nahm ihn anfangs wohl auf; als er aber erfuhr, dass Egil einen gar schönen und gesunden Sohn bei sich habe, ward er neidisch auf den glücklichen Vater, liess den Knaben nehmen und ihm einen Apfel aufs Haupt legen, und sprach zu Egil: „Nun schiess! Der Apfel soll dein Ziel sein; doch ist es dir nicht verboten, dein Kind zu treffen.“ Als nun Egil flehte, ihm das zu erlassen, sagte der König, dann solle er samt dem Knaben getötet werden. Da nahm Egil zwei Pfeile aus seinem Köcher, den einen legte er neben sich, den anderen aber setzte er auf die Bogensehne und schoss den Apfel mitten durch, so dass Pfeil und Apfel zugleich auf die Erde fielen. Und dieser Meisterschuss ist in aller Welt berühmt geworden. Nun fragte Nidung den Schützen, warum er zwei Pfeile aus dem Köcher genommen hätte, da er doch nur mit einem hätte schiessen sollen. Da antwortete Egil: „Herr, hätte ich mit dem ersten Pfeil meinen Knaben getroffen, dann war der zweite Euch zugedacht.“ Diese freimütigen Worte nahm der König wohl auf.

*Aus „Die Lese“.*

# El la vivo kaj sciencoj.

## Bona konsilo.

**Ne konsideru la ruĝiĝon kiel pruvon de kulpo.**

Multaj homoj ruĝiĝas ĉe la plej malgranda ekscito. Ofte tio estas kaŭzita de anemio, nervmalsano aŭ granda sentemo. Tial estus tute malĝuste, se oni, okaze de akuzo, konsiderus iun kulpa pro tio, ke li ruĝiĝas. Tre ofte estas nur la indigno pri neĝusta kulpigo, kiu igas flui la sangon en liajn vangojn.

*Elsa Mallon, Gotha.*
Laŭ *„Allgemeiner Wegweiser"*.

## Pri la familio de la muzikinstrumentoj.

Bona muzika ŝerco troviĝis en „Allgemeiner musikalischer Anzeiger" de la jaro 1826, aperinta en Frankfurt a. M. La verkinto de la ŝerco estas la ŝtatkonsilisto J. D. v. Apell, kiu dum kelka tempo estis intendanto de la reĝa teatro en Kassel. Li estis ankaŭ tre kapabla muzikisto kaj komponisto. La ŝerco titoliĝas „Komparo de familio al koncerto". Jen ĝia teksto:

La mastrino ludas la unuan violonon. Ŝi gvidas la ĉefan melodion de la muzikaĵo. Estas feliĉo, se tiu ĉi instrumento estas bone ludata, kaj se la kordoj ne estas malĝuste streĉitaj aŭ ne malagordiĝas pro ofte ŝanĝema vetero. La mastro kaj edzo ludas la kontrabason. Trankvile kaj forte li donas la fundamentan tonon, ne konsiderante la malgrandajn tonkurojn kaj trilojn de la unua violono. Li konservas la takton kaj difinas la tempmezuron. Sed se li ŝanceliĝas kaj ne estas tre firma, la harmonio estas en danĝero. La duan violonon ludas la ĉambristino. Ŝi estas ja necesega, sed ofte tro babilema, kaj cetere ŝi devas akordiĝi kun la unua violono, por ne malhelpi la harmonion. La violonĉelon ludas la sekretario. Li laboras kune kun la mastro, kaj ofte li plenumas pli multe ol tiu kapablas. Tamen li samtempe akordiĝas kun la aldviolono, kiun tenas la mastrumistino. Tiu ĉi meza voĉo estas tre necesa en la muzika ekonomio, por plenigi la malplenon, pro tio ŝin kutime ĉirkaŭas ĉiuj voĉoj. Flutoj estas la filinoj, hobojoj kaj klarnetoj la filoj de la familio. Ili estas la gekaruloj de la unua violono, kiun ili ofte akompanas; pro tio ili pli ŝatas la patrinon ol la patron. Fagoto, proksima parenco de la violonĉelo, estas la guvernisto de la gejunuloj, kiu iom anstataŭas la kontrabason rilate al la aŭtoritateco. La kornoj estas familiaj amikoj, kiuj ofte fariĝas malagrablaj por la kontrabaso. La trumpetoj, tamburegoj, trombonoj kaj tamtamoj estas la livreservistoj de la gesinjoroj, kiuj nur tiam ĉiuj kune aperas, kiam la domo estas en parada stato. Ili speciale devas esti kvietigataj, ĉar ili laŭnature estas maldelikata aro, kiu tre facile povas doni al la unua violono kaŭzon de kolero. La muzikestro estas — la edzeca dio, de kiu dependas, kiuj muzikaĵoj povas esti ludataj, kaj ĉu la koncerto devas konsisti el gajaj alegroj aŭ el malĝojaj largoj.

## Rimarkindaĵoj de la kalendaro.

Ekzistas kelkaj rimarkindaĵoj de nia kalendaro, kiuj verŝajne ne estas komune konataj. Neniu jarcento povas komenciĝi merkredon, vendredon aŭ dimanĉon. La sama kalendaro estas uzebla ĉiun dudekan jaron. La monato Oktobro ĉiam komenciĝas la saman semajntagon kiel la Januaro, la Aprilo kiel la Julio, la Septembro kiel la Decembro. La monatoj Februaro, Marto kaj Novembro komenciĝas la saman semajntagon. La unua tago de la monatoj Majo, Junio kaj Aŭgusto estas ĉiam diferenca unu de la alia kaj de la unuaj tagoj de ĉiuj aliaj monatoj. La unua kaj la lasta tago de l' jaro estas la sama semajntago. Sed ĉiuj ĉi tiuj reguloj ne estas aplikeblaj por superjaro, se oni komparas tagojn antaŭ kaj post la 29a de Februaro.

## Respondoj.

*(La unua nombro montras la numeron de la koncerna demando kaj la dua la paĝon de G. E., sur kiu la demando troviĝas.)*

1 (11). La pridemandita iluzio estas fakto kaj ankaŭ ofte rimarkebla ĉe turniĝanta helico de aeroplano aŭ direktebla balono kinematografitaj. Ĝin klarigas la rilateco de l' movoj.

Per kinematografo oni aperigas rapide sur la tolo sinsekvajn bildojn, malmulte diferencajn unu de la sekvanta. Figuraĵo de bildo restas sur la okulretino pli longe ol dekonon de sekundo; do se pli ol 10 bildoj estas montrataj en ĉiu sekundo, ŝajnas, ke ni vidas unu solan seninterrompan kaj vivantan aperaĵon.

Supozu, ke oni fotografas por kinematografo turniĝantan radon (Bildo 1); ke oni faras po 10 fotografaĵoj dum sekundo; kaj ke la rado kun 10 radioj moviĝas po 1 turniĝo dum sekundo. Sur ĉiu fotografaĵeto la rado havos saman aspekton, ĉar unu radio estos precize anstataŭinta la sekvantan. La kinematografo montros senmovan radon, kvankam ĝi turniĝas rapide. Nu, se ĝi turniĝas iom pli rapide ol dirite, sur du sinsekvaj kliŝoj radio 1 iom preterpasos lokon 2; la rado ŝajnos moviĝi malrapide en la direkto de l' sageto. Se kontraŭe la rado faras iom malpli ol plenan turniĝon dum se-



B. 1.

kundo, radio 1 estos sur la dua kliŝo iom maldekstre de 2; la rado ŝajnos turniĝi malrapide sed en direkto kontraŭa al la reala.

Tion oni pli bone komprenos per propra eksperimento. Gluu sur blankan kartonan cirklon kelkajn nigrajn steletojn (Bildo 2). Kun tiu ĉi rado sur akso, stariĝu sub elektran arklampon, nutritan per alterna elektrofluo, kies direkto ŝanĝiĝas 50 foje dum sekundo (plej ofta okazo). En realeco, kaj ne vidita de nia okulo, la lumo de tia lampo ne estas daŭra sed konsistas el 50 fulmetoj dum sekundo. Se ni turnas la cirklon sufiĉe rapide, ni povos observi la samajn rilatajn ripozon aŭ kontraŭan movon kiel ĉe la rado.


B. 2.

Pli simpla kaj pli pruva estos la dua eksperimento. Tranĉu kartonan cirklon kun diametro de 20 centimetroj; desegnu sur ĝia rando tri ringojn A, B, C, kaj boru en ilin truojn je egalaj distancoj: 12 en ringo A, 10 en ringo B kaj 8 en ringo C (Bildo 3). Loku vin antaŭ spegulo kaj turnu la cirklon rigardante, de la malbona flanko, per unu okulo tra la truoj (Bildo 4). Se vi rigardas la spegulan figuraĵon tra la truoj B, ringo B ŝajnos senmova, ringo A moviĝos en unu direkto kaj ringo C laŭ mala direkto. Se vi rigardas tra la truoj A aŭ C, la du aliaj ringoj turniĝos samdirekte laŭ malsimilaj rapidecoj.



B. 3.

Certe, kiu bonvolos konstrui tiun simplan lastan aparaton, tiu konfesos, ke ĝi estas la plej taŭga rimedo por kompreni la rilatecon de l' movoj kaj la ŝajnojn, kiujn ĝi okazigas. Per ĝi ankaŭ bone povos interesi kaj instrui patroj siajn gefilojn, kaj instruistoj siajn gelernantojn.


B. 4.

*G. Stroele, Neuchâtel (Svisujo).*

Similan respondon sendis ankaŭ S-ro Dro Marchand, London, kaj S-ro Hans Götzendorfer, Weibern (Aŭstrio).

*

2. (11.) La Monadoj estas difinitaj de Leibniz kiel „simplaj substancoj“ (sen partoj). — „La veraj atomoj de la naturo kaj la elementoj de l' ekzistaĵoj.“ Per iliaj individuaj rilatoj Leibniz celas klarigi la tutan universon, kiun li konsideras kiel sistemon de antaŭstarigita harmonio. Monadologio povas esti difinata kiel „doktrino pri la elementoj de la universo (kaj iliaj rilatoj).

*Dro W. Marchand, London.*

## Demandoj.

**3.** Ĉu la fiŝoj povas dormi, t. e. resti en stato, en kiu iliaj sentoj estas indiferentaj kontraŭ la influo de la kutima ĉirkaŭaĵo? *E. N.*

**4.** Kio estas metilalkoholo?

*Antialkoholulo.*

## Ŝercangulo.

### En pentraĵekspozicio.

Rigardu tiun ĉi belegan „kvietvivon“!

— Belega. Neniam mi vidis tian kvieton en vivo.

— Tiu ĉi napo estas vera ĉefverko de l' arto. Kiom da trankvilo estas en ĝi, kia densigo de la esprimo, kia kuntiro de l' anguloj.

— De l' anguloj? Ĉu vi estas eble kritikisto?

— Tio mi ne estas, sed mi legas la kritikojn. Cetere la efektiva vidanto de si mem trovas, kio estas bela en tiuj ĉi bildoj. Ekzemple tiu napo. Tio ne estas nur kompletiga esprimo de certaj tendencoj.

— Ha jes . . .

— Vera perspektivo malfermiĝas; kiom tiu ĉi napokapo estas esprimanto de la individueco de l' artisto! Kiom da serĉo kaj kiom da trovo estas inter la folioj . . . Kiel zumas en ĝi la pentrista mondopinio . . . Tio estas rezultato de l' enprofundiĝanta rigardado . . .

— Ĉu tiu napokapo? . . .

— Kompreneble. Sed la pezeco de l' ekvilibro kuŝas ne nur en la formo, sed ankaŭ en la apliko de l' valoro de la koloroj.

— Kio? . . .

— Kaj kredu min, ke la kontraŭstarigoj donas maksimumajn kolorvalorojn. — Kiom da esprimanta ritmo, kaj kia pesado de la pentristaj eblecoj! . . .

*(Tria sinjoro venas.)*

— Pri kio parolas la sinjoroj?

— Pri tiu ĉi napo.

— Pardonu, tio ne estas napo, sed ĉevalo.

— Ĉu ĉevalo? . . . De kie vi scias tion?

— Ĉar mi pentris ĝin.

*Laŭ hungara de b. trad. Lr.*

## Patro kaj filo.

Maljuna viro sidas kun sia filo en vilaĝa drinkejo kaj trinkas agrable sian glason da biero. Li akompanas ĉi tiun okupon per saĝaj paroloj kaj laŭdindaj patrecaj admonoj kaj diras al la filo, ke glaso da biero estas bone meritita post plenumo de la ĉiutaga laboro. Sed li avertas sian unuenaskiton pri ĉiu eksceso. „Neniam trinku tro multe, filo mia; bonedukita homo ĉesas trinki, kiam li sentas, ke li trinkis sufiĉe. Ne ekzistas io pli mizera kaj pli abomena ol esti ebria." — „Jes, patro," diras la filo, kiu atente aŭskultis tiujn ĉi konsilojn, „sed diru: je kio mi do rimarkas, ke mi trinkis tro multe kaj ekbriiĝis?" La maljuna sinjoro montras per la fingro en la angulon de la gastoĉambro: „Ĉu vi vidas tie sidantajn en la angulo la du virojn? Kiam vi vidas kvar virojn anstataŭ tiuj du, tiam, kara filo, vi trinkis tro multe." La junulo streĉe rigardas en la angulon, poste li demande turnas sin al sia patro: „Jes, patro, sed — sed — tie ja nur sidas unu viro en la angulo . . ."

## Inter infanoj.

„Mia patrino estas pli riĉa ol la via; ŝi havas tiel multe da haroj, ke ŝi ne ĉiam povas ilin surmeti". — „Ne, mia patrino estas tamen pli riĉa; ŝi posedas tiel multe da oro, ke ŝi eĉ la dentojn ornamas per ĝi."

# Pedagogia fako

### 2. Pri akuzativo de direkto en dubaj okazoj.

*Ĉiam mi dubas, ĉu oni devas diri: „Mi gluas la markon sur la koverto aŭ sur la koverto**n**", kaj „Mi algluas la markon sur la koverto aŭ sur la koverto**n**."* *W. B.*

La uzo aŭ neuzo de akuzativo dependas tie nur de la preciza senco de l' verbo; kaj ĉar tiu senco ne estas tiom rigida, oni povas pravigi jen la unu, jen la alian uzon.

Se oni komprenas je „glui" „malsekigi la markon, almovi ĝin al la papero kaj surpremi ĝin", tiam estas preferinde, diri „sur la kover**ton**". Ŝed oni povas ankaŭ kompreni la vorton kiel „surpremi la malsekigitan markon, kiu estas metita sur la paperon", kaj tiam oni pli bone uzos nominativon.

Iom alie estas ĉe „alglui"; tie oni pli verŝajne pensas pri la surpremo mem, kaj sekve oni uzos nominativon; sed ankaŭ „alglui" ne montras la sencon tiel klare, ke oni povas kondamni la uzon de **-n**. (Komparu la sencdiferencon en jena frazo: Mi gluis la poŝtmarkon sur la koverton, sed ĝi ne volas algluiĝi.)

Simila okazo estas ĉe multe da aliaj verboj, kies senco estas iomete elasta, ekz. sidiĝi, eksidi, kuŝiĝi, meti, kisi . . . . sur; pri la lasta vorto oni trovas cetere tre bonan studon en la januara numero de *Juna Esperantisto*, verkitan de nia Akademiano Lengyel. En ĉiuj ĉi okazoj oni povas uzi ambaŭ formojn, kaj la elekto dependas nur de la sencnuanco.

Sed por tamen doni ian regulon por tiuj **okazoj**, oni povas ĝin formuli jene:

Ĉe verboj, kies senco ne fikse montras, ĉu oni pensas pri almovo aŭ ne, sed kie estas eble imagi almovon, oni uzu post loka prepozicio prefere akuzativon. Sed ĝi estas ne konsilinda, kiam la senco klare montras, ke oni pensas nur pri la plejfino de tia ago. (Ekz. alveni en la urbo — veni en la urb**on**; demeti sur la tablo — meti sur la tabl**on**; deponi en bankejo — meti en bankej**on**.) —

Fine oni ankoraŭ atentu ĉe la participo pasinta de tiaspecaj verboj: se ĝi havas simple adjektivan sencon, aŭ sencon de stato, tiam ne estas necese uzi akuzativon; ekz. iu forŝtelis la monon, metitan (= kuŝantan) sur la tabl**o**; sed: iu forŝtelis la monon, antaŭ kelkaj horoj metitan sur la tabl**on**, ĉar tie la cito de tempo montras, ke oni pensas pri la ago, kaj ne pri la stato. — Do la konkludo: „Mi gluas la markon sur la koverton" kaj „Mi algluas la markon sur la koverto".

### 3. Pri akuzativo post „ĉirkaŭ".

*Ĉu estas ĝuste diri: „Li parolas ĉirkaŭ dek lingvojn."* *L. S.*

La vorto ĉirkaŭ estas laŭ plej ĝenerala uzo prepozicio, kaj kiel tia ĝi postulas nominativon; akuzativon oni uzas post prepozicio nur en senco de almovo. Tiel oni povas diri: Ŝi metis zonon ĉirkaŭ sian talion. Sed objektan akuzativon, aŭ akuzativon, kiu anstataŭas „je", oni ne uzas post prepozicio. Do en la supra frazo akuzativo estus nur allasebla, se „ĉirkaŭ" estus ankaŭ adverbo. Kelkaj aŭtoroj efektive donas al ĝi tian sencon; sed estas pli klare kaj logike, uzi „ĉirkaŭ" nur kiel prepozicion, kaj en adverba rolo almeti la signon **-e**, aŭ uzi la preskaŭ samsignifan „proksimume". Oni do diru: „Li parolas ĉirkaŭe dek lingvojn" aŭ „proksimume dek lingvojn".

**P. H., Ludwigshafen.** Vi ne estas prava, la artikolo ne enhavas erarojn. Vi scias, ke adjektivo devas akordiĝi kun la rilata substantivo. En la aludita de vi frazo la vorto „imagebla" rilatas al la substantivo „io" kaj ne, kiel vi verŝajne supozas, al la netradukita germana pronomo „es". — Al via demando pri akuzativo trafe respondas la supre donita klarigo pri demando 2.

# Nekrologio

## Dro G. Robin †.

La 13/26an de Decembro 1911, Dro Gabrielo Robin mortis de renmalsano, kuŝinte nur unu monaton en la lito. Li mortis, postlasante vidvinon kaj du georfojn; lasante mezvoje komencitajn laborojn, entreprenojn kaj bonajn planojn.

Dro Robin naskiĝis la 12/24an de marto 1869, en rumana provinca urbo Aleksandria. Ĉiujn siajn studojn (liceajn kaj universitatajn) li faris en Bukureŝto, kie li restis ĝis sia morto. Tre konata li estis en Rumanujo ne kiel politikulo, sed kiel sciencula, kiel kompetenta bakteriologo, kiel fondinto kaj kondukanto de la esperantista movado, kiel pedanta idealulo. Li estis posedanto de grava laboratorio por bakteriologio kaj ĥemio; laboratoriestro de la Civilaj Hospitaloj; fondinto kaj prezidanto de du kooperativaj (komerca kaj preseja) societoj; fondinto kaj komitatano de la plej malnova medicina societo en Rumanujo; unu el la iniciatintoj kaj fondintoj de la „Rumana Vegetarana Societo"; eksvicprezidanto de la societo „Vatra Luminoasa", kaj fine, homo kun familio kaj privataj zorgoj. Pro tio li ne havis tro liberan tempon. Kredi, ke ĉiuj ĉi tiuj okupoj mallongigis lian vivon, mi ne volus, ĉar li ja estis sufiĉe energia por plenumi ĉiujn siajn devojn.

Lia plej amata batalkampo estis la esperanta — kaj nur ĝi! En la momento, kiam la animo forlasis lian korpon, li parolis en nia lingvo — tiom li amis Esperanton! Kiel esperantisto li estis ankoraŭ nova. Li esperantistiĝis en 1905, vojaĝinte tra Eŭropo. Sed kiel fervora pioniro de Esperanto li estis unu el la nesupereblaj. Kiuj havis proksimajn interrilatojn kun li, kiuj persone premis lian manon, tiuj ĝis sia lasta horo ĉiam pensos kaj bedaŭros pri la perdita amiko.

Granda estas la perdo, ne ĉefe nur por la rumanaj kaj bulgaraj esperantistoj, sed por tuta Esperantujo mem, ĉar liaj laboroj grave efikis en nia movado. Kaj efektive, kiom li laboris por Esperanto! Kun kia amo li sin donis al nia lingvo! Ne ŝanceliĝante li, tuj post kiam li ellernis Esperanton, fondis „*Rumana Esp. Societo*" en 1907, kaj tuj poste sekvis lernolibroj de Esperanto en rumana lingvo, de li verkitaj aŭ tradukitaj (ekz. *Primele lectiuni de Esperanto, Manual complect de limba Esperanto, Cheia manualunui, Mic manual de Esperanto, O ora de Esperanto, Fundamento de Esperanto*) kaj diversaj propagandaj flugfolioj kaj artikoloj. Iom poste li fondis kaj subtenis ĝis sia morto „*Editura Esperanto*" kaj post unu jaro (1908) li fondis „*Rumana Esperantisto*", kiun li du jarojn direktis kaj eldonis. En la sama tempo li ellaboris plenan vortaron *Esp.-Rumana kaj Rum.-Esp.*, ankoraŭ ne eldonitan; tradukis la Ĉefeĉan ŝlosilon, ankoraŭ ne eldonitan. En 1910, kun multenombraj membroj de R. E. S., li partoprenis la IVan bulg. esp. kongreson en Sofio, kies dua honora prezidanto li estis, kaj kie okazis tre grava fakto: la fondiĝo de dunacia, komuna organo „*Danubo*"! Post la fondiĝo de *Danubo*, modelo de esperantisma kunagado inter du malsamaj popoloj, lia entuziasmo tiom pligrandiĝis, ke li decidis dediĉi sian tutan forton al la disvastigo de Esperanto. *Danubon* li direktis kun amo kaj fervoro; por ĝi li ne malmulton oferis. Post kelka tempo li decidiĝis plifortigi „*Editura Esperanto*" kaj per ĝi li intencis eldoni vortarojn, broŝurojn, literaturaĵojn, sed ve! la bela revo velkis . . . Dum la somero de 1911 ni ambaŭ intencis kaj eĉ komencis ellabori „*Esperantista Antologio Poezia*", sed . . . ankaŭ ĉi tio velkis. Tuj post la Antverpena kongreso, kiun li partoprenis, ni faris planon, laŭ kiu oni povus „verdigi tutan Rumanujon en unu jaro", sed ankaŭ tiu plano, se ĝi ne plene detruiĝas, almenaŭ prokrastiĝas por pli favora tempo, — ĝin efektivigi povus nur riĉa propagandejo.

Kion diri pri liaj privataj agadoj por Esperanto? Kion paroli pri liaj laboroj kaj oferoj, kiujn li silente faris? Kion paroli pri liaj klopodoj por la plibonigo de l' sorto de la blinduloj en Rumanujo? Kion diri pri lia pacienca tolerado de skeptikulaj kaj ŝovinistaj kontraŭbatoj kaj mokoj? . . .

Nekalkuleblaj estas la meritoj de tiu homo kaj netakseblaj!

* * *

En la tombeja kapelo kolektiĝas amikoj, geparencoj, gesamideanoj, alportante kronojn kaj bukedojn en la nomoj de societoj, hospitaloj, institucioj, rondoj, familioj, aŭ de si mem. Ĉies koro estas premita de malĝojo, sur ĉies vizaĝo la doloro montriĝas. Post kiam la pastroj finis sian funebran diservon, la vicprezidanto de R. E. S., S-ro Alex. Teodorescu, emociita, kun larmoj legis sian paroladon. Post li, S-ro Prezenti Levy, delegita kun alia blindulo de la instituto „Vatra Luminoasa", diris sian impresantan paroladon. Iliaj paroladoj finiĝis per esperantaj vortoj proksimume jene: „Neforgesebla kondukinto! Akceptu niajn korajn dankojn pro via nobla agado. Ni promesas fidele sekvi vian idealan vojon, kiun vi montris al ni dum via vivo, kaj fidele ni imitos vian sindonemon kaj fervoron . . . Ripozu en paco, kara, amata kunbatalinto!" Lian enterigon ĉeestis multenombra publiko, konsistanta el doktoroj, profesoroj, konatoj kaj amikoj, familianoj kaj grandparte el esperantistoj. En la ĉiutagaj gazetoj aperis nekrologiaj artikoloj kun lia fotografaĵo. Facile estis rimarki, kiom grandan simpation ĝuis Dro Robin, kaj kiom malĝojis ĉiuj pro lia perdo.

Dro Robin kaj Prof. Lederer — jen du nomoj, kiujn ni ne forgesos.

*N. Ĥristoskoff.*

## Amatus Van der Biest-Andelhof †.

Kun malĝojo ni devas konstati, ke la senkompata morto dum la lastaj semajnoj terure falĉis en la vicoj de nia tutmonda anaro.

La lasta frapo, kiun ĉiuj samideanoj en la mondo priploros, trafis precipe la belgajn amikojn: la 22an de januaro ĝi forrabis el niaj vicoj nian kunbatalinton Amatus Van der Biest-Andelhof el Antwerpen, en aĝo de apenaŭ 62 jaroj.

Resumi ĉion, kion faris Amatus Van der Biest por nia komuna movado, estas neeble. Sufiĉe montras la konfido, kiun la esperantistoj havis por li, vokante lin al multaj oficoj. Efektive, li intersekve estis elektita kiel vicprezidanto de la Antverpena Grupo Esperantista, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista kaj de la Antverpena Centra Esperantista Komitato, direktoro de „Belga Esperantisto", ano de la Lingva kaj de l' Konstanta Komitatoj kaj fine kiel prezidanto de la „Sepo por la Sepa" kaj de l' Sepa Kongreso mem.

„Nokte kaj tage li laboris por idealo, por efektivigo de io, kio laŭ multaj estas utopio, sed por li vivcelo estis: starigo de mondlingvo", tion skribis flandra Antverpena ĵurnalo la matenon de lia morto, kaj por honori lian memoron ni ne povas trovi pli bonajn vortojn.

Ĉe tiuj, kiuj laboris kun li, restos pri li emocia memoro, ĉar li estis simpla, bona kaj lojala. . . .

Amatus Van der Biest, vi alte tenis la flagon de nia Zamenhof'a Esperanto dum la atakoj direktitaj al nia movado en Belglando, vi kondukis niajn belgajn fidelajn amikojn al la batalo kaj al la venko, tial ni konservos vian memoron en nia koro. Adiaŭ! . . . Ripozu dolĉe . . . *F. R. S.*

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
*(alle mit Sternchen versehenen Bücher sind erhältlich durch:)*
*Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin SW. 68, Lindenstrasse 18/19.*

**Tie ĉi ni nur recenzas verkojn, duoble ricevitajn.**

***La Biblio.** Dua libro: **Eliro.** El la originalo tradukis Dro L. L. Zamenhof. — Hachette & Cie., Paris. 0,900 Sm.

En la tuta mondliteraturo ne ekzistas alia libro tiel populara kiel la Biblio; ĝi estas internacia posedaĵo kaj estas jam tradukita en centojn da lingvoj; same ne estas alia viro tiel antaŭdestinita por ĝia traduko en la internacian helplingvon Esperanto kiel nia genia Doktoro Zamenhof. Estas vere neebla tasko recenzi tian verkon; mi nur povas konstati, ke la majstro donacis al ni novan majstraĵon, pro kiu ni ŝuldas al li sinceran dankon. Li donis al ni novan modelon, kaj ni pagos la dankŝuldon nur per zorga studado kaj lernado el ĝi. De la titolo, grandioza en sia simpleco, ĝis la fino la traduko estas plenvalora pruvo pri la taŭgeco de Esperanto ankaŭ por la religia literaturo.

Kiel novajn vortojn mi notis: p. 4, l. 6 sino, 21/18 kvereli, 25/4 bisino, 25/25 listelo, 28/8 kontinuaĵo, 28/41 konsekri. Stakto kaj galbano estas teknikaj vortoj por aromaĵoj; siklo, hino, ĝero, kikaro, omero, beko estas moneroj kaj mezuriloj, ligurio estas gemo, efodo kaj cidaro partoj de la pastra vestaro. Cetere ŝajnas notindaj: abomenindaĵo (ne abomenaĵo) ĝis sate; ĝis kiam? wie lange noch?; virŝafo, virbovido anstataŭ ŝafoviro, bovidviro; mi preferas la novan formon. Plue: estu mortigita anstataŭ mortigata — soll getötet werden; ulno anstataŭ unu ulno; trafos dornojn — Dornen ergreift; preĝi pro iu anstataŭ por — für jemand beten; iru returne anst. returnen; returni sin; turniĝi kaj returniĝi; la Estanto — Der da ist (pro tio Z. uzas ĉiam: estanteco — Gegenwart); la Estonto — Messias, estonteco — Zukunft; vojon de tri tagoj — 3 Tagereisen weit; la 10 diroj; ŝtonaj tabeloj (ne tabuloj). Ofte oni trovas la subtilajn nuancojn: el inter, de sur ktp.; du fojojn li uzas kontraŭ kun akuzativo 32/10 kaj 11; antaŭe de, ĉirkaŭe de — antaŭ kaj ĉirkaŭ, sed intence pro subtileco; same kiel li tradukas in's Schilf ne „en kanojn" sed „inter la kanojn" (2/3). Nur tri rimarkojn pri la teksto mi permesas al mi. 28/36 la surskribo estas: sankta por la Eternulo, 39/30 ĝi estas: sankta al la Eternulo; mi ne volas decidi, kiu el ambaŭ estas pli ĝusta, sed nepre ambaŭ devas akordiĝi. 11/5 malantaŭ la muelejo; mi preferus muelilo, ĉar la sklavino sidas laborante malantaŭ ilo, ne ejo.

29/37: „ĉio, kio ektuŝos la altaron, fariĝu sankta." Luther tradukis: Wer den Altar anrühren will, der soll geweiht sein. Weizsäcker: Jeder, der den Altar berührt, ist dem Heiligtum verfallen. Dr. Sachs: Wer den Altar berührt, muss heilig sein; jen ni havas 4 diversajn frazojn; la senco konsilas traduki: ĉiu, kiu ektuŝos la altaron, estu sankt(igit)a (antaŭe).

La spaco ne permesas al mi citi la 137 ceterajn notojn pri interesaj vortoj, pri frapanta uzo de prepozicioj kaj pri nekutimaj frazoj. Preserarojn mi trovis nur tre malmultajn. 21/6: li estu lia servo por ĉiam, kredeble eraro anst. „en lia servo", aŭ „lia servisto" aŭ (laŭtekste) „lia sklavo". 21/8 li perfidis ŝin anst. perfidus. 21/13 mi difinas al vi anst. difinos kc.

Ĉiu verkanto en Esperanto de nun trastudadu la nesufiĉe laŭdeblan tekston, superan laŭ stilo kaj grandioza simpleco al ĉiu alia ĝisnuna verko el nia literaturo. *Leopold Elb, L. K. (I. U. E. V.)*

*

***Halka.** Opero en kvar aktoj de S. Moniuszko. Teksto de W. Wolski. El la lingvo pola esperantigis A. Grabowski. — Hachette & Cie., Paris. 0,500 Sm.

La prezentado de opero dum la venonta kongreso en Krakovo estos ĝojiga progreso, kaj jam nun, tralegintе la tekston, mi kredas, ke estos vera ĝuo; ĉar kelkaj partoj sonas jam sole per la vortoj kiel muziko. Moniuszko estas unu el la plej famaj kaj amataj polaj komponistoj. Liaj 400 kantoj ofte ĝojigas liajn sampatrujanojn kaj estas ankaŭ hejme en la eksterlando. Lia muziko estas facile komprenebla kaj ne tiel malsimpla kiel tiu de Beethoven kaj Wagner. Halka, kiu de post sia unua prezentado (1. 1. 1858 en Varsovio) estas ludita en tiu urbo pli ol 700 fojojn, estas lia ĉefverko, por kiu Wlodzimierz Wolski skribis la tekston. Tiu verkisto, kiu edukiĝis en Varsovio, devis elmigri eksterlanden kaj vivis ĝis la morto en 1872 en Bruxelles. La teksto ŝajnas tute moderna kaj pritraktas la amon inter sinjorido kaj montaranino. La traduko de samurbano de la du verkistoj, de A. Grabowski, montras ĉiujn bonajn kvalitojn de tiu ĉi eminenta verkanto. La versoj fluas kaj penetras en niajn orelojn por ne elmemoriĝi. Kiel ekzemplon mi nur citas la belan, faman kanton de Halka: Kiel rompita vente arbeto estas animo la mia. Ofta ŝanĝo en la sinsekvo de la frazeroj plibeligas la sonon kaj la ritmon. Ni do povas esperi, ke — se la muziko estas konforma al la teksto — nia esperanta artaĵaro estas pliriĉigata per ambaŭ, per la teksto kaj per la muziko de tiu ĉi verko.

*Käthe Jahns.*

*

***Fabiola**, rakonto pri la katakomboj. De kardinalo Wiseman. El la angla lingvo tradukis E. Ramo. — Universala Esperantia librejo, Genève. 1,500 Sm.

Ĉe tia verko la kritikanto efektive embarasiĝas; ĉiun verketon kaj verkaĉon li priparolu, ilin kiel eble laŭdu, por ne ofendi la aŭtoron, kiun severa kritiko povus fortimigi, kaj ĉiam li trovu ion bonan en kiu ajn libro. Bone (aŭ ne), li alkutimiĝas al tia recenzado; sed kion fari, kiam aperas libro, kiun li efektive volus laŭdi kaj rekomendi? Mankas la vortoj, fuŝuzitaj por la meze bonaj verkoj. — Tia fakte bona libro estas Fabiola: belega enhavo, bona stilo kaj agrabla eksteraĵo.

La enhavo estas jena: Ni vidas, kvazaŭ el alta rigardejo, la vivon de Romo en la komenco de l' kvara jarcento p. Kr.; unuflanke estas la pagana societo, en malhelo, vidigante siajn malfortajn, ruiniĝantajn flankojn, sur la alia brilas la Kristanaro, en nova forto, vivipova kaj progresanta; kaj meze de tiu mondo staras klera, fortanima nobelino, Fabiola, kiu iom post iom transiras el unu al la alia partio. — Sed tio estas nur la skeleto; la plena valoro de l' verko kuŝas en la ekzaktaj detaloj, per kiuj la aŭtoro priskribas, vivigas kaj imagigas al tiaman Romon. — Kiuj legis *La Faraonon*, kaj atendas la tradukon de *Quo Vadis* (kiun Kabe bedaŭrinde nur komencis), ĝojos ankaŭ legi tiujn klasikajn paĝojn.

Kaj kion diri pri la traduko? Nu, ĝi estas inda al la verko. Cetere ni ja sufiĉe konas Ramon, por ne bezoni laŭdojn pri li. Ĉe li oni efektive ne sentas, ke oni legas tradukon. Pri kiom da verkoj ni povas tion diri? — Mi ne bezonas certigi, ke la lingvo estas vere klasika kaj korekta. Tion jam montras la malmultaj kaj negravaj eraretoj, kiujn mi notis. Jen: kunflagrado; ni povas . . . priskribi al kiuj ajn konas . . .; Agnes ne jam parolis; tendra (?); vipilo; en cisternon profundan kvar ĝis kvin futoj. Jen ĉio.

Fine mi ne plenumus mian devon, se mi ne atentigus pri la bona eksteraĵo de l' libro; sur bona papero kaj tre (eble eĉ iom tro) dense presita, ilustrita per multaj interkekstaj desegnaĵoj kaj kelke da arte presitaj bildoj, la libro efektive malkare donas al la esperantistaro bonegan, en ĉiu rilato ŝatindan legaĵon. Fabiola estos ĉiam citata inter la plej signifoplenaj, valoraj verkoj de nia literaturo.

*Luber (I. U. E. V.)*

*Peto*: Estante ano de I. U. E. V., kaj ĉiel interesiĝante intense pri literaturaj kaj lingvaj temoj, mi petas la verkintojn kritikitajn de mi en iliaj libroj, ke, se ili havas ion por diri rilate al la kritikoj, ties eblaj eraroj ktp., ili bonvolu pri tio skribi al mi; mi ĉiam ĝojos povi doni klarigojn, aŭ okaze korekti malĝustaĵon, de mi diritan. Adreso: per la redakcio de G. E. *Luber.*

*

***Vortaro de la oficialaj radikoj de Esperanto.** Kunmetis E. Boirac. (Kolekto de la Revuo.) — Hachette & Cie., Paris. 0,250 Sm.

Kun danko kaj ĝojo la esperantistaro certe akceptos ĉi tiun libreton, kiu prezentas al ni en oportuna formato la esperantan radikaron, sankciitan per decidoj de nia Akademio. Ĉar la vortoj sinsekve estas numeritaj, ni vidas, ke ni posedas entute 3492 oficialajn radikojn, el kiuj la radikoj de la Universala Vortaro estas distingitaj per dikaj literoj. Ĉiu esperantisto havigu al si tiun ĉi libreton kaj bone studu ĝin; ĝi estas trezoro por tiuj, kiuj ŝatas konservi la ĝisnunan formon de nia lingvo kaj ne konstante pensas pri la enkonduko de novaj „nepre necesaj vortoj“.

*Ek. (I. U. E. V.)*

*

***Krestomatio por infanoj kaj komencantoj.** Verkita en kunlaborado de diverslandaj esperantistoj sub redaktado de Romano Frenkel. (Kolekto de „Danubo“, kajero unua.) — Editura „Esperanto“, Bucuresti. 0,250 Sm.

La kajero, kiun mi kun plezuro tralegis, enhavas fabelojn, fablojn, enigmojn, proverbojn k. t. p. el diversaj nacioj, vera ĝojo por infanoj sciantaj legi Esperanton. Sed la eldonaĵo estas laŭ mia opinio ankaŭ tre taŭga por grupoj. En ĉiu grupo ekzistas komencantoj. Kia bona ekzercado: legi kaj poste rakonti tiajn rakontetojn. La nomo Romano Frenkel garantias bonan Esperanton. La materialo estas bone elektita, la stilo simpla kaj facilkomprenebla. Mi mem uzos tiun ĉi krestomation en mia grupo kaj fervore rekomendas ĝin al aliaj grupgvidantoj. La verketo estas daŭrigota kaj mi ĝoje atendas la aperon de la dua kajero. *Martha Lehner (I. U. E. V.)*

*

***Karaktero.** Laŭ Mr. J. M. Van Stipriaan Luïscius, advokato en Hago. Tradukita laŭ la 5a eldono de l' nederlanda originalo. — Librejo „Espero“, Hago. 0,250 Sm.

Ĉi tiu verketo konsistas el tri partoj: I. Kio estas karaktero? II. Kiel oni formas karakteron? III. El kio konsistas bona karaktero?

I. Konstanteco kaj persisto estas la ĉefaj distingiloj de karaktero. Interesplenaj komparoj inter karaktero kaj nobeleco („ . . . nur karaktera nobeleco estas vera nobeleco“), karaktero kaj prudento, karaktero kaj ekstera aspekto de l' homo, karaktero kaj mono. Fine interesaj klarigoj pri la memstareco, la sendependeco de l' karaktero . . . „ĝi ne deziras protekton; ĝi respektas la komprenojn de aliaj kaj aŭskultas konsilojn, sed decidas mem“.

II. „Neniu karaktero sen batalo —“ jen la elirpunkto de ĉap. IIa. Por formi la karakteron, kiu tute ne rilatas kun hazardo, la homo nepre devas akiri al si energion, sanan spiriton kaj sanan korpon, fine li prudente elektu sian principon, laŭ kiu li aranĝu sian vivon.

III. Estas cititaj 24 ecoj, el kiuj konsistas bona karaktero. Jen nur kelkaj el la listo: bonvoleco, ĝentileco, honesteco, seriozeco, bonmaniereco, spritforto ktp. Koncize la verkinto pritraktas en ĉi tiuj mallongaj ĉapitretoj la esencon de l' tiurilata eco. —

Homo, kiu interesiĝas pri iom filozofaj verkoj, ankaŭ legu ĉi tiun libreton, ĉar la senco de ĉiu frazo estas tre facile komprenebla. La libreto estas leginda; tamen la leganto iom alkutimiĝu al kelkaj strangaĵoj, ekz. „kiel *formas oni* karakteron?“, „ . . . kion oni *jes* opinias“, „lernu suferi *sen plendi*“, „*superlabori*“ ktp. Ankaŭ preseraroj bedaŭrinde sin montras. Tamen la enhavo superas tiujn eksterajn mankojn.

*Ch. P. (I. U. E. V.)*

*

**Skizoj el mia propagandista vivo.** Verkis A. Marich. — Biblioteko de la Verda Standardo No. 9; Budapest, IX. Üllöi-ut. 59. 0,150 Sm.

Interesaj aventuroj ja ofte okazas al propagandistoj, kaj tiu fakto igis la aŭtoron kolekti kelkajn el sia propra sperto en libreto. Bedaŭrinde li penis, prezenti ilin en sprita formo, kaj pro tiu sensukcesa penado la stilo fariĝis eĉ pli peza kaj nekomprenebla ol kutime. *H. M.*

*

**Raporto pri la subkongreso de Esperanta Psikistaro,** okazinta dum la 7a Internacia Kongreso de Esperanto. Havebla senpage ĉe la sekretario de Esperanta Psikistaro: Antvers (Belgujo), rue Appelmans 26.

Efektive modela raporto pri subkongreso, interesa precipe pro la programo de „Esperanta Psikistaro“

kaj pro la raporto pri eksperimentoj parte tre bone sukcesintaj, aranĝitaj dum la kongreso. Vere praktikan sciencan laboron montras la prezentita provo de faka vortaro. *H. M.*

*

**Esperanta Psikistaro,** kunlaborada verketo; dua eldono, senpage ricevebla de: Bureau permanent d'études des phénomènes spirites, 8 rue des Babillardes, Anvers (Belgujo).

Ankaŭ la aperon de tiu ĉi dua eldono la asocio ŝuldas al la Federacio Spiritista Belga. Recenzon ni jam publikigis en G. E. 1910, p. 236. *H. M.*

## Muzikaĵoj.

***Sveda kantaro** (kun melodioj). Kolektita de G. Löfvenmark. (Unua kajero). — Eldonejo de E. L. son Finn, Sala (Svedujo). 0,500 Sm.

Novan kantaron mi ĉiam salutas ĝoje, ĉar ĝuste per kantoj ni allogas la homojn, kaj la esperantigitaj popolkantoj estas por ni la plej bonaj varbiloj, ĉar ili montras la belsonecon de nia lingvo, kaj ĉar ilia enhavo estas konata nacilingve al ĉiuj. Ankaŭ la sveda kantaro estas tre salutinda. 30 svedaj kantoj, plejparte bone esperantigitaj, aŭdigas al ni la belajn melodiojn de l' norda lando. Estas granda danĝero ĉe la traduko de popolkantoj: oni aŭ tradukas tro libere aŭ oni oferas al la ritmo eĉ la belsonecon per la ofta apostrofado. Tiaj tradukoj estas preskaŭ evititaj en la kantaro, kaj la malmultaj tiaj eble forlasindaj, ĉar pli bone estas, doni malmultajn, vere bonajn tradukojn ol multajn mezvalorajn. Por la venonta eldono mi rekomendas, ke oni metu la rimarkojn pri la movoj super ĉiun kanton. Bedaŭrinde estas ankaŭ, ke la fortepiana akompano pro la multekosteco ne povis esti aldonata, ĉar per ĝi la nordaj harmonioj montriĝus pli bone kaj pligrandigus la ĝuon. Sed ankaŭ pri la nuna formo ni jam povas vere ĝoji kun niaj svedaj samideanoj. *Kaethe Jahns.*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

### No. 4.

Antaŭ ne longe mi demandis konatulon, kian aĝon li havas, kaj li donis al mi la jenan respondon: „Mi estas duoble tiom aĝa, kiom vi estis, kiam mi estis tiom aĝa, kiom vi estas nun. — Kiam vi estos tiom aĝa, kiom mi estas nun, tiam ni estos kune naŭdekjaraj.“

Kian aĝon mia konatulo havas?

### No. 5. Silabenigmo.

a, bu, ce, de, di, do, do, e, e, e, ga, go, ho, hor, hun, ĥo, i, in, is, is, ke, la, lan, le, lek, lo, lo, mo, mo, naj, ni, no, o, o, pi, ra, ri, ro, ro, so, tin.

El la supre donitaj silaboj formu 13 vortojn, kun jenaj signifoj: 1. lando; 2. produkto; 3. religio; 4. birdo; 5. skermilo; 6. kreskaĵo; 7. legomo; 8. greno; 9. dombesto; 10. resono; 11. popolo; 12. metalo; 13. malboneco.

La komencliteroj de la trovitaj vortoj nomos germanan lirikan poeton. *K. Tuŝinski.*

### No. 6.

Mallaŭte flugetas vorto kun t en vorto sen t; ne daŭros longe; baldaŭ venos vorto sen u, en kiu laŭte krias la vorto kun u. *Max Butin.*

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn ĝis la 5a de l' venonta monato. Tri el la solvontoj ricevos libropremiojn.

## Solvoj el la antaŭa kajero.

### No. 1.

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| k | a | ŝ | t | a | n | o |
| a | k | o | r | d | o | |
| ŝ | o | s | e | o | | |
| t | r | e | | | | |
| a | d | o | | | | |
| n | o | | | | | |
| o | | | | | | |

### No. 2.

Pafo, piro, piko, poto, pezo, pruvo, peno, puto, palto, peco, poro.

Fritz Reuter.

### No. 3.

La katalogo.

Ĝustajn solvojn sendis:

a) de ĉiuj tri numeroj: Karl Bartel, Graz; F-ino K. Bock, Neukölln (antaŭe Rixdorf); B. Breslau, Reĵica (Rusl.); F-ino Wally Cuno, Königsberg i. Pr.; referendario Münsterer, Passau; Walter Peters, Berlin; Carl Schulz, instruisto, Charlottenburg; Otto Strutz, Stettin; Martin Zademack, Berlin; Ziemann, distriktjuĝeja sekretario, Gnesen.

b) de du numeroj: G. Balbig, Reichenau; Max Butin, Godesberg; Emil Dombrowski, Neukölln (antaŭe Rixdorf); Margarete Lachmund, Leisnig; E. Momber, Oberdollendorf; Heinrich Reinle, stud. jur., München; Josef Zosel, Grossschönau i. Sa.

*

La premioj estas gajnitaj per loto de:

F-ino Wally Cuno, Königsberg i. Pr.; S-ro Carl Schulz, Charlottenburg; Sinjoro Otto Strutz, Stettin.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: F. Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Esperanto Verlag Möller & Borel. Berlin.
Presejo de Möller & Borel, G. m. b. H., Berlin.